# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto Cent dudek sepa eldono 24/08/2013 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Redaktisto Roger Springer Provlegita de Nicole Else

SENDATA AL 257 RETADRESOJ

La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

Estas via Esperanto-familio. Informu. Fotoj bonvenaj.

## Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon

http://esperantareradio.blogspot.co.at/ Estas « RSS Feed »




### Familiariĝi kun lingvo

Elsendo de la 16a de Aŭgusto 2013

En Aŭstrio la angla lingvo estas instruata ekde la unua klaso de la bazlernejo. Tamen ne temas pri vera instruado, sed pri unuaj paŝoj por konatigi tiun lingvon al la infanoj. La instruistinoj ja ne estas fakulinoj pri angla lingvo, ili plej ofte mem parolas ĝin nur je sufiĉe baza nivelo. Nur en kelkaj privataj lernejoj estas denaskulinoj el anglalingvaj landoj kaj do nur tie la infanoj vere eklernas la anglan. ktp

La granda avantaĝo de la angla lingvo estas ke ĝi estas konkretaĵo. Ĝi aŭdiĝas kaj vidiĝas, ĉiam kaj ĉie ajn. Ĉu ĝi estas facile lernebla aŭ ne, ĉu homoj bone parolas ĝin aŭ ne, tio ne vere gravas. Esperanto aliflanke aperas ĉefe kiel abstrakta lingvo, ĝi apenaŭ ekzistas en praktiko, ĝi apenaŭ estas aŭdebla. Abstrakteco plifortigas la fremdecon. Abstraktaĵoj tial ne taŭgas por la ĝenerala publiko, ili taŭgas por homoj kiuj kapablas fari el abstraktaĵo konkretaĵon ktp Aŭskultu, legu la tutan. Bona ekzerco, bonaj ideoj

---

# Ne kvanto, sed kvalito

## Nia glora kaj longe atendita Literatura Posttagmezo

Sabaton la 17-an de aŭgusto okazis io eksterordinara en la modesta hejmo de Bob Felby. Iom antaŭ la 14-a horo sonoris la pordosonorilo. Envenis la belega, ĉarma kaj ege kompetenta redaktantino de Tamen Plu, Katarina Taggart. Kelkajn minutojn poste alvenis lia moŝto, Trevor Steele, verkinto de sennombraj verkoj en Esperanto.



Ĉar estis planita grandega Literatura Posttagmezo je la 14-a horo, ni ĝentile atendadis plurajn minutojn esperante ke baldaŭ la aliaj adelajdaj esperantistoj, entuziasmaj pri Esperanto-literaturo alvenos.

Sed, ili ne alvenis. Ni do komencis la amuzaĵojn. Unue Bob voĉlegis amuzan poemon de Niels Gredal tradukitan en Esperanton de Poul Thorsen, "Mi estas bona instruisto". Oni povis lerni ion per ĝi.



Tiam voĉlegis nia redaktantino Katarina Taggart poemon el libro de Julio Baghy. Tre bone kaj perfekte ŝi deklamis.



Fine estis la vico de lia eminenta moŝto Trevor Steele voĉlegi ion. Li elektis legadi el unu el siaj multaj verkoj unu ĉapitron, el kiu ni ĉiuj lernis ion pri la homa naturo.



Bonega kaj instrua okupo estas voĉlegadi, ĉu ne?

Post tio Bob preparis bonegan kafon por ĉiuj partoprenantoj. Estis ankaŭ abundo da ĉokolado kaj kukoj. Post la kafumado ni ĉiuj elektis kelkajn kantojn, kiujn ni kantis kun akompanado de mandolinbanĝo.

Tre sukcesa posttagmezo en Esperanto.

informis Bob Felby

---

Happax Legomenon (happax@superig.com.br)
Mi nomiĝas Emerson Werneck kaj mi estas brazilano. Mi estas 43-jaraĝa tradukisto kaj ĵurnalisto, kiu loĝas en Braziljo (la ĉefurbo).
Mi kaj mia edzino iros al Aŭstralio en oktobro, kaj volas viziti E-asociojn.
Ĉu vi povus indiki la adresojn de la asocioj en la marbordaj urboj?
Ni ankaŭ volus gastiĝi per Pasporta Servo. Ĉu vi povus indiki gastigemajn membrojn?
Dankon elkore,
Emerson Werneck kaj Lu Nascimento

## Veselin kantas en Esperanto https://www.youtube.com/watch?v=b_TyRDGrE4o

Li kantis en 1985, mi pensas. Amike Nicole

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio :

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

**2012-08-15 - AEA raportas:**

Nian lastan Skype estrarkunvenon (15/08/2013) ĉeestis Heather, Kam Lee, Margaret kaj Sandor.
(Indrani nuntempe estas en Kanado)
Jen la ĉefaj rezultoj:
*__Komuna kongreso en Orienta Timoro__
Post diskutado inter Indrani/Heather kaj Heidi Goes en Islando, ili proponis havi nian proponitan komunan kongreson ne en Balio(Bali) sed en Orienta Timoro.
Tri el kvar tre ŝatas la ideon, la defion kaj la eksciton. La kvara pensas ke ne multaj aŭstralianoj faros la vojaĝon al Timoro.
Heidi ankaŭ proponis inviti esperantiston el Timoro por nia Kanbera Kongreso en januaro.
Tio kreskigus la kostojn de la kongreso,... > ni decidis peti monon por la ĉeesto de Timora esperantisto de la Novsudkimruja Federacio.

* aea.esperanto.org.au - **Nia nova retejo:**
Nia nova retejo estis enŝaltita. Ni refoje dankas Jim por la kreado kaj Jonathan Cooper por la transpreno kaj la tujaj plibonigoj.
Li nuntempe zorgas pri ĝi kaj ni tre esperas ke vi vizitos ĝin kaj informos nin, se vi trovas erarojn kaj kiam vi volas proponi plibonigojn.

* **Literatura Konkurso**
Ni akceptis la proponon de Trevor starigi Literaturan Konkurson. Legu pli en alia loko kaj en nia retejo

Heather , Kam Lee, Margaret, Sandor

**Miaj pensoj pri la AEA peto por donaco al unu eksterlandulo.**
Laŭ mi la propono de donaco ne havas ian avantaĝon por la EFNSK (aŭ eĉ Aŭstralio) .
Mi preferas uzi nian monon por reklami, informi, havi novajn membrojn kaj helpi Esperanton ĉirkaŭ NSK.
Nia mono (EFNSK) ne estas por donaci al individuo sed por helpi la asocion kreski.
Kompreneble estos diskutota afero por la estraro de EFNSK
Roger Springer

# Raportoj kaj fotoj de Rejkjaviko

Chris Holliss sendis suban raporton------------------------



Chris Holliss kaj Max Wearing

Mi restis du semajnojn dum julio en Rejkjaviko, la loko por la 98-a UK. Islando estas ege interesa, rava insulo kiu situas sub la arkta cirklo. Pro tio la 310,000 loĝantoj suferas veteron tre ŝanĝema.
La unuan semajnon pluvis kaj ventegis . Mi estis vestita per du puloveroj kaj mantelo.

Sed bonŝance dum la kongresa semajno la suno ekbrilis, tre bone por la popularaj ekskursoj en la bela , drama pejzaĝo. Islando ja povas fanfaroni pri sia lando.
Ni ĝuis rigardi gejserojn, glaĉerojn, neĝkovritajn montarojn, akvofalojn, naturbanejojn, ripozantajn vulkanojn kaj lafan kampon.
Thingvellir Parko, natura heredaĵo de UNESKO estas mirindega.
Kanjono formita de la fordivido de la eŭropa kaj amerika tektona plato estas la loko kie kunsidis la malnova islanda parlamento, inter 930 kaj 1798. Temas pri UNESKO, ĝi ankaŭ nomis Rejkjavikon urbo de literaturo en 2011, por mezepoka verkoj--- sagaoj kaj vikingaj historioj.
Ni veturis ĉirkaŭ la lokoj kie okazis tiuj historiaj eventoj.
La kongresejo, Harpa estas moderna operdomo apud la haveno. Konstruita en 2008 ĝiaj koloritaj muroj estas fabrikitaj de sesangulaj vitroj, kuboj kaj verŝajne estas kopioj de la vulkanaj kolumnoj de roko kiujn oni vidas ĉie.
Ĉe Harpa, kiam la 1000 esperantistoj ne rigardis la belajn vidindaĵojn de la golfo tra tiuj fenestroj, ili ĝuis tre okupatan programon-nacia vespero, teatraĵoj, prelegoj, koncertoj, babiladoj kun novaj kaj malnovaj geamikoj.
Tre plezurigis min aŭdi la internacian koruson kiu kantis staranta sur la grandcentra ŝtuparo. La kantado supreniris al la altplafono dum ni trinkis kafon en la kafejo sube.
Ankaŭ granda ĝuo estis la vespermanĝo kun la aŭstralia grupo. Bona etoso, mi ege ŝatas Islandon

## La 98a Universala Kongreso en Islando



sendis Ŝandor Monostori

Dek tri Aŭstraliaj esperantistoj partoprenis la Universalan Kongreson en Rejkjaviko.
La islanda somera temperaturo estis tre simila al la melburna vintra temperaturo, tamen evidentis, ke estas somero ĉar vera nokto tute ne okazis. La suno subiĝis meznokte kaj sekvis pli-malpli unu hora krepusko-aŭroro antaŭ la baldaŭa sunleviĝo. Tio fakte taŭgis por celebrado kaj mi ofte vizitadis trinkejojn kaj drinkejojn kun malnovaj kaj novaj amikoj. La urbo estas sufiĉe malgranda tiel oftis renkonti aliajn esperantistojn promenantajn surstrate.

Mi partoprenis ekskursojn ĉiutage kaj tiel mi povis praktiki Esperanton kun miaj

kunvojaĝantoj kaj samtempe ni bone amuziĝis vizitante la belegajn lokojn de Islando.

Ne estas miraklo, ke oni ofte faras scienc-fikciajn filmojn en Islando, ĉar la pejzaĝo aspektas iom aliplanetece.

La plej ĝueblaj programeroj de la Kongreso por mi estis la teatraĵoj, la nacia kaj la internacia vesperoj.

Dum la UK nova estraro de UEA elektiĝis por la sekvaj tri jaroj.

Raportis Ŝandor Monostori

Akvofalo Gullfoss. La scienc-fikcia filmo Prometheus komenciĝas ĉi tie:







Maldekste

Blua laguno. La akvo aspektas kiel lakto. Ĝi enhavas silikaĵon.

Sube

**Aŭstraliaj geesperantistoj ĉe akvofalo Gullfoss.**

Christine Hollis, Ŝandor Monostori, Jennifer kaj Alan Bishop.



## Sanĝoj de la formato de la enhavo ĉe la novaĵletero

Kara Roger,
Mi provlegis, sed pro la longaj artikoloj ĝi fariĝas ege longa laboro. Ĉu via novaĵletero ne estis por mallongaj novaĵoj kaj ne por multpaĝaj artikoloj?
Amike, Nicole

Kara Nicole,
Mia antaŭa celo estis ne uzi longajn artikolojn kaj ke la aliaj Aŭstraliaj gazetoj uzu la longajn artikolojn. Sed nun mia problemo estas ke kluboj ne ofte informas min pri siaj klubaj kunvenoj, agoj, esperoj. Mi estas tre malfeliĉa pro tio.
Ankaŭ tre malmultaj Esperantistoj sendas informon al mi.
Mi ne ĉiam povas trovi sufiĉajn interesajn novaĵojn per mi mem.
Se oni ne informas min pri novaĵo, la novaĵletero ne havas la novaĵon.
Mi, plej parte, devas uzi tion, kion mi ricevas. Ĉu longa aŭ ne.
Esperanto ne sukcesos se la Esperantistoj pigras.
Amike Roger

## Franca vizitanto

Karaj, Hodiaŭ mi promenis en Sidnejo kun nia gasto Bruno Flochon el Francio (eks-prezidanto de Unuiĝo Franca por Esperanto). Amike, Nicole





Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj kaj via Esperantista familio ĝojos.

**Ĉu via grupo kunvenis?** Aktualan informon, mi enmetos en AE

# Toowoomba Esperanto-Societo (TES) ĉe *Toowoomba Languages and Cultures* (TLC) festivalo.




Toowoomba ja estas multkultura urbo, kaj celebras tiun fakton ĉiun jaron per festivalo en granda parko Queens, kie la diversaj popoloj en Toowoomba kantas, dancas, vendas manĝaĵon, informas, kaj interbabilas.

Kutime, TES havas budon por informi, kaj ankaŭ partoprenas, kun aliaj instruistoj de lingvoj, en la tendo kie estas lingvaj aktivaĵoj por infanoj. Ĉijare nia komitatano por publikigado organizis ankaŭ lingvan festeton, en kiu la publiko povis iomete sperti diversajn lingvojn: la svahilan, la ĉinan, la germanan, la hispanan, la anglan, *Auslan* por surduloj kaj Esperanton. Tio estis tre bona ŝanco montri, ke Esperanto ja subtenas aliajn lingvojn.

Bedaŭrinde ĉifoje niaj tri aktivoj (informa budo, lingva provo por infanoj, kaj lingva lernigado) devis esti kune en iom malgranda spaco, proksime al podio kie estis laŭta muziko kaj parolado. Tamen, estis bela ĝuebla tago, kaj inter la ĥaoso oni ja lernis pri Esperanto, kaj gustumis lingvojn.



Inter la informiloj kiujn ni disdonis al interesataj, estis la novigita Key to Languages. Tio estis aparte utila, kiam iu kiu vidis resumon de Esperanto sur unu el la afiŝoj kiujn la sudaŭstralianoj preparis (por la migra muzeo), demandis, ĉu tiu informo estas havebla sur prenebla papero.

Toowoomba Esperanto Society kunvenas en la centro de Toowoomba Refugee and Migrant Services (TRAMS) la duan vendredon de preskaŭ ĉiu monato. Oni komencas lernadon kaj konversacion je 13:00 kaj la aferkunsido komenciĝas je 14:30.

Raportis Paul Green

# Vizitonto el Braziljo

Saluton,

Mi estas Emerson Werneck (kromnomo Happax), kaj mi vojaĝos al Aŭstralio kun mia edzino (neesperantista), Lu. Ni venas el Braziljo, la ĉefurbo de Brazilo, kaj mi estas tradukisto de la angla kaj de la hispana al la portugala. Ŝi iras al la universitato pri Biomedicino. Ŝi ankaŭ kuiras tre bone, kaj vendas kukojn kaj dolĉaĵojn.

Braziljo estas tre moderna urbo, laŭdire simila al Canberra, kaj en ĝi estas du milionoj kaj duono da loĝantoj. Mi ŝatus fari prelegeton pri nia urbo kaj pri Brazilo, se eblos.

Do, per ĉi tiu medio, mi volus kandidatiĝi al la gastĉambro de Redfern, dum la periodo de la 7-a aŭ 8-a ĝis la 11-a de oktobro, 2013.

Vi, kompreneble, rajtas fari iujn ajn demandojn al mi.

Dankon elkore!

Emerson Werneck kaj Lu







## Propaganda sekcio

### DVD de La Universala Lingvo: speciala oferto!

Kiel diskonigi Esperanton inter neesperantistoj, aparte per bibliotekoj, universitatoj kaj lernejoj, sen ŝajni tro kiel propagandisto? Jen unu ebleco: per la filmo The Universal Language de oskar-nomumita reĝisoro Sam Green (produktita kun la financa subteno de ESF). Tiu ĉi 30-minuta dokumentfilmo, kiu debutis en 2011 en la festivalo Sundance kaj ricevis tre bonajn reagojn de la publiko, prezentas la historion kaj la nuntempon de Esperanto vidata per la okuloj de neesperantisto. Kaj dum limigita tempo, vi povas aĉeti du DVD-ojn je la kosto de unu (20 USD)! Akiru unu DVD-on por via persona kolekto kaj donacu alian al via loka biblioteko, lernejo aŭ universitato! La filmo mem estas en la angla, sed ĝi havas subtitolojn en 19 lingvoj, inkluzive de Esperanto.

Elĉerpaĵo de la filmo (en la angla, kun Esperantaj subtitoloj) spekteblas ĉe: http://youtu.be/HL7QtDt4tlI
La disko aĉeteblas ĉe: www.esperantodocumentary.com. La filmo mem estas en la angla, sed estas subtitoloj en 19 lingvoj (angla, bulgara, ĉeĥa, ĉina, dana, Esperanto, finna, franca, germana, greka, hispana, hungara, itala, korea, malta, nederlanda, portugala, rusa kaj sveda).
Specialaĵoj de la DVD: "Leo Sakaguchi – Denaska esperantisto", "Jokahamaj portetoj – etendita miksaĵo", kaj "Somernokto de Kálmán Kalocsay".

Sendis lernu Lernu

# Literatura konkurso

## AEA organizas konkurson pri literaturo.

Temas pri originala verko ne pli longa ol 1 500 vortoj.
**Limdato**: 15-a de novembro 2013.
**Unua premio**: $200, se la konkursanto ne ĉeestos la kongreson de AEA en januaro en Kanbero; ***aŭ*** $300-a rabato de la kostoj de la kongreso, se la gajninto ĉeestos.
**Dua premio:** selektitaj Esperanto-libroj.
Konkursontoj sendu sian tekston kiel alkroĉaĵon (attachment) al Bob Felby ĉe esperantobob@bigpond.com. La nomo de la aŭtoro NE aperu sur la teksto mem, sed en la e-mesaĝo. Rezultoj anoncotaj la kongreso.



## 3ZZZ radiotono

3ZZZ radiotono ĉi-jare okazos de la 6a ĝis 19a de oktobro 2013. Mi petas ke Esperantistoj sendu siajn donacojn por Radio 3ZZZ per mi. Ĉiun jaron ni devas kolekti ne malpli ol $1000.00 por helpi pagi la elspezojn de la radioelsendo.

Henry Broadbent
Secretary 3ZZZ Esperanto group
63 Kennedy Road, Somers Vic 3927

## 3ZZZ ( KVINA ) PARTO estos en AE 128